



## HEF

(Informado kaj Administrado)
Federación Española de Esperanto
(Información y administración)

c/ Rodriguez de San Pedro
13, 3°, p-7.
28015 MADRID
Telefono: (91) 446-80-79

## Estraro

*Prezidanto*: Antonio Alonso Núñez
*Sekretario*: Manuel López Hernández
*Vicprezidanto*: Alberto Franco Ramirez
*Vicsekretario*: Luis Gil Pérez
*Kasisto*: José Mª Bernabeu Franco
(Konto: 14.011.966 de Caja Postal)

## *Ĉef-redaktoro*

Antonio Marco Botella
Av. Compromiso de Caspe, 27-29, 9° C.
50002 ZARAGOZA

## *Redaktoroj kaj kunlaborantoj*

Salvador Gumá Clavell
Miguel Fernández Martín
Vicente Hernández Llusera
Andres Martín González
Luis Serrano Pérez
Miguel Gutierrez Aduriz
Antonio Valén Fernández


*Kovrilo:* Miguel Fernández Martín, gajninto de la Natura Floro en la Floraj Ludoj 1992.

*Noto:*
Pri la enhavo de la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.

## ENHAVO



# OFICIALAJ KOMUNIKOJ DE LA HEF-ESTRARO

En 1993 okazos Universala Kongreso en Valencio, kio ebligas kaj trudas, ke ni simpligu nian tiujaran HEF-Kongreson. La HEF-estraro tial venis al jena decido, kiun ĝi oficiale komunikas nun pere de *Boletín*:

1) La HEF-Kongreso 1993 okazos en Valencio, en dato aŭ datoj anoncotaj. Tiuj datoj estos rekte ligitaj al la datoj de la UK.

2) La eroj de nia Kongreso estos nur tiuj, por kiuj ni ne povos trovi ekvivalenton en la UK.

3) La estraro ĝis nun opinias, ke nia Kongreso povos konsisti nur el la statute deviga Ĝenerala Kunveno. Tiu kunveno daŭru unu tutan tagon, por ke ni disponu tempon sufiĉan por trakti la abundajn aferojn kaj problemojn de la Federacio.

4) Unu el la statute traktendaj aferoj estos la renovigo de HEF-estraro, ĉar ĝi tiam finos sian kvarjaran periodon de funkciado.

5) La HEF-estraro tial petas ĉiujn niajn membrojn, ĉu asociajn ĉu individuajn, ke ili bonvolu studi la aferon, kaj sendi kiel eble plej urĝe siajn komentojn, proponojn, kandidatojn por nova estraro, ktp.

6) La estraro petas ankaŭ, ke oni analizu detale pri ĉiuj problemoj de la Federacio kaj de la Esperanto-movado ĝenerale, kaj ankaŭ pri tio oni alsendu proponojn kaj similajn skribaĵojn. Plej grave por nia organizado estos, ke niaj Grupoj kaj Asocioj informu kaj proponu detale pri lokaj cirkonstancoj, problemoj, rilatado al institucioj, evoluo de HEF-anaro en la koncerna urbo aŭ regiono, ebleco de varbado aŭ revarbado, ktp.

7) La estraro antaŭdankas la kompletan studon de la afero kaj la alsendadon de ĉio valora por la muntado de nia Kongreso, aŭ ĝenerale por la bono de la Federacio.

*Subskribas: Manuel López Hernández, sekretario*
*Antonio Alonso Núñez, prezidanto*

# Nova Statuto

Kiel sendube ĉiu HEF-ano scias, en la HEF-kongreso de La Laguna (julie 1.991) la ĝenerala kunsido modifis la statuton de nia Federacio kaj unuanime aprobis novan. Post la koncernaj demarŝoj ĉe la registaro ĝi estis laŭleĝe agnoskita.

Alie, la HEF-estraro konstatas, ke estas konvene por la Federacio represi kaj disdoni inter ĉiuj membroj ĝisdatigitan adresaron, ĉar la lasta jam eldatiĝis (memoru ke ĝi estas de 1982).

La HEF-estraro tial venis al jenaj decidoj, kiujn ĝi oficiale komunikas nun pere de *Boletín*:

1) Oni presos kaj disdonos al ĉiu HEF-ano la statuton de nia Federacio.

2) Oni presos kaj disdonos al ĉiu HEF-ano ankaŭ ĝisdatigitan adresaron de la membroj de nia Federacio.

La plej konvena solvo, kiun la estraro trovas por la plenumo de ĉi tiuj decidoj estas la presado de ambaŭ dokumentoj en formo de manlibreto. Tamen se la financaj rimedoj ne permesas tion, solvo povos esti, ke ili aperu en la venonta numero de *Boletín*, kiu povos esti speciale dediĉita al tiuj temoj.

*Subskribas:*
*Antonio Alonso Núñez, prezidanto*
*Manuel López Hernández, sekretario*
*Alberto Franco Ramírez, vicprezidanto*
*L. Gilpérez Fraile, vicsekretario*

## KOMUNIKAĴO DE LA VALENCIA OKK

ONI BEZONAS LOKAN GVIDANTON
POR LA INTERNACIA INFANA KONGRESETO

La ĉeforganizanto de la Internacia Infana Kongreseto, okazonta paralele al la UK de Valencio de la 24-a ĝis la 31-a de Julio 1993 en Somera Restadejo, 40 kilometrojn ekster Valencio, bezonas Lokan Gvidanton tiucele. Kvalitoj dezirindaj por la persono okuponta tiun postenon estas:

a) Sufiĉe bona lingvoscio.
b) Dispono de privata aŭtomobilo.
c) Ne fumi dum lia restado ĉe la S.R.
ĉ) Intereso pri la infanoj.
d) Oni ne postulas ke la posteno estu okupota nepre de valenciano.

Interesatoj bv. skribi kiel eble plej baldaŭ al la LKK en Valencio.

# Oficiala antaŭkongreso 78-a UK de Esperanto

**20-23 JULIO 1993, EN BARCELONO**
**PROVIZORA PROGRAMO**

**Mardo 20-a de Julio**

10.00 h.
Akceptado kaj disdonado de dokumentoj, Carreras Candi, 34/36.

14/15,30
Akceptejo fermita.

16.00 h.
Disdonado de dokumentoj, libroservo kaj videoservo.

17.00 h.
Turisma vizito: *Gaudi, Sagrada Familia kaj La Pedrera*

19,30 h.
Konferenco fare de Giordano Moya: "La Homa Vivaventuro" kaj "Esperanto en Prospektivo".

21.00 h.
Fermo de la Akceptejo.

**Merkredo 21-a de Julio**

10.00 h.
Vizito de la Olimpikaj konstruaĵoj: Olimpika Vilaĝo kaj Olimpika Ringo. (Aŭtobuse)

16.30 h.
Vizito de la Gotika Kvartalo kaj la Muzeo "Picasso".

19.30 h.
Disdonado de premioj al la gajnintoj de la VIDEO-KONKURSO. Prezentado de la gajnintaj videofilmoj.

**Jaŭdo 22-a de Julio**

10.00 h.
Tuttaga ekskurso tra Katalunio: *Hispana Esperanto-Muzeo* en Sant Pau d' Ordal, Monaĥejo de Monserrat, Sabadell kaj Sant Cugat del Vallés, kie okazos la Fermo de la Antaŭkongreso.

**Vendredo 23-a de Julio**

10.00 h.
Eliro el Barcelono.

14.00 h.
Alveno al Valencio por partopreni en la 78-a Universala Kongreso

**UTILAJN INFORMOJN**

vi povas ricevi de "Barcelona Esperanto-Centro". Str. Carreras Candi, 34/36. E-08028-BARCELONO. Telf. 93-4402662.

HOTELOJ ***, oni ĝustatempe informos pri prezoj.

RESTORACIOJ, ekzistas pluraj ĉirkaŭ "Barcelona Esperanto-Centro". Prezoj: ĉ. 800 Ptoj.

VIDEOKONKURSO: VHS, minimume 5 minutoj, maksimume 15 minutoj.
Temo: Eduko, Scienco kaj Kulturo. Nepre sendu kopion de videobendo kaj ĝian esperantan tekston en aparta folio al "Barcelona Esperanto-Centro".

**N. de la R.**

**Kun bedaŭro ni konstatis, ke pasintnumere, eble profitante la ferimalstreĉon, aperis petole sur la paĝoj de "Boletín" la preskoboldo netolereble aŭdace: sur la pĝ. 4, kol. 1, -8, -7, mankas kvin vortoj; kiam la teksto diras: "kutimo ŝpari spacon kaj eviti", devas daŭrigi la frazon *ripetadon de longaj nomoj estas jam*...**

**Ankaŭ sur paĝo 4, kol. 2, -13: "interrompe" devas esti "Interkrampe".**

**Ni petas senkulpigon al la aŭtoro kaj al niaj legantoj!**

# Prizorgoj

Kiel sciate, Universala Kongreso de Esperanto okazos en Hispanio la venontan jaron danke al la strebado de konkretaj hispanaj esperantistoj, kiuj delonge klopodas pri ĉi tiu afero. Kvankam tiu evento certe atentigos niajn samlandanojn pri la ekzisto de la Movado kaj ĝiaj celoj, estus tre bedaŭrinde, se post la kongreso, la plejmulto el la hispanoj plu opinius negative pri Esperanto aŭ preterus ĝin.

La Movado en nia lando trapasas esperigan krizon. En ĝiaj vicoj, apud veteranoj, troviĝas kapablaj gejunuloj pretaj realigi ambiciajn projektojn. Pli-malpli baldaŭa anstataŭo en la postenoj estos nepra kaj dezirinda ne nur por avanci, sed eĉ por travivi. Kuraĝon, trafon kaj lertecon mi deziras al nia junularo.

Rimarkindas la apenaŭ perceptebla aplikado de nia lingvo en la komerca, turisma kaj politika kampoj en Hispanio. Ŝajnas, ke preskaŭ neniu deziras agadi tiurilate el inter nia nombra landa esperantistaro. Eĉ pli: dum, ekzemple, apriore multaj plendas, ke la politikaj aŭtoritatoj ne favoras signife Esperanton, ankaŭ apriore tiuj mem malŝatas ajnan kontakton kondukantan al la aplikado de la lingvo fare de la partioj. Praktike kaj teorie tiuj esperantistoj malaprobas, ke oni agadu politike por/per Esperanto en kaj ekster ajna politika partio uzanta ĉi tiun lingvon. Absurda agadmaniero kondukanta al nenio! Malgraŭ ke mi komprenas la timon engaĝiĝi en projektojn ankoraŭ ne provitajn ĉe ni, mi malŝatas tian

sintenon, ĉar, kiel ni konstatas ĉiutage, nuraj kulturaj agadoj, eĉ gravegaj, ne sufiĉas hodiaŭ por altiri la popolon al Esperanto.

Okaze de la venonta Universala Kongreso ni unuigu niajn fortojn. Ni agadu, finfine, per/por Esperanto racie kaj akorde kun la ĉirkaŭanta mondo, por *ebligi*, ke niaj samlandanoj rekonu la pravecon de nia "stranga" laborado. Al novaj postuloj, novajn rimedojn.

Bonŝance, inter ni troviĝas verkistoj, muzikistoj, kaj tradukistoj uzantaj Esperanton. Tamen, ankoraŭ ne montriĝis aktivuloj kapablaj agadi rekte per/por ĝi en nekulturaj organizoj. Aldone al tio, nia poresperanta argumentado malfortas, ĝi ne estas konvinkopova, ĉar tre ofte amatoreca. La nombro de kapablulojpretaj defendi altnivele la E-projekton antaŭ ekstermovadaj fakuloj ankoraŭ ne sufiĉas. Ĉi-specaj cirkonstancoj bremsas impone la rekonon de Esperanto fare de niaj samlandanoj

*Andrés Martín*

---

# La reveno al la vilaĝo

Ni travivas tempoperiodojn en kiuj la migrado estas konstanta. La mekanikigo de la agrokulturo puŝis multajn milojn da kampolaboristoj al industriaj centroj en la grandaj urboj. Iuj familioj migris kompletaj, sed la plej granda parto restis disigitaj. Precipe la junuloj elmigris kaj la maljunuloj restis en la vilaĝo. Estis kelkaj, kiuj forlasis la vilaĝon malĝoje kaj kun granda nostalgio, la deziroj de ĉi tiuj estis iam reveni al la naskiĝloko, kiel eble plej baldaŭ, sed tio ne estis facila. Sen laboro en la agrokulturo, la reveno fariĝis neebla. Kaj vole ne-vole, oni devis restadi en la nova loĝloko. Poste, kun la forpaso de la jaroj, la translokiĝinta homo alkutimiĝis al la novaj medio kaj laboro. La sopiroj al la malgranda patrio ne estis tiom fortaj.

La subskribinto de tiu ĉi artikolo, ankaŭ migranto aŭ elmigrinto, ne sentis nek sentas ian ajn nostalgion, kiu tiom turmentigas aliajn laboristojn en sama situacio. Tamen reveno al tiu loko, en kiu oni pasigis la plej bonajn jarojn de la vivo, kiel estas la junaj jaroj, ĉiam alportas feliĉon kaj kontentecon. Kvankam ofte, analizante serioze la pasintan vivon, oni sin demandas: nu, kion mi faris ĉi tie dum tiuj jaroj?; kia estis mia vivo ?, kial mi malprofitis miajn plej belajn jarojn en tiu ĉi vilaĝo, laborante en tiu kamparo, kiu nenion donis al mi, eĉ ne la eblecon akiri pli altan kulturon? Do, kiam tiuj pensoj



invadas la menson de la iama elmigrinto, la feliĉo ne aperas en lia vizaĝo. Sed ne estas tempo por reveno, kaj ankaŭ ne estas tempo por ŝanĝoj. La pasinteco ne havas revenon. Akcepti la vivon pasintan, kiel fakton estas la plej prudenta pensomaniero. Ni nur devas preni nian pasintan vivon, kiel specimenon kaj sperton por ke al niaj posttempuloj tio ne okazu.

Ne estas la unua fojo, kiam mi aŭdis diri: mi ne plu deziras reveni al tiu loko, kiu donis al mi nur malagrablajn rememorojn. La malamo invadas la korojn de multaj elmigrintoj tiurilate. Ili estas homoj kun fortaj konvinkoj, kaj al kiuj la vivolernejo ne instruis per agrablaj lecionoj. Fakte rememori malagrablaĵojn estas io nedezirinda. Por granda nombro de elmigrintoj okazas male. La bildoj de la junaj jaroj, trankvile kaj pace travivitaj en la vilaĝo estas io, kio restas en la kamero mensa por ĉiam. Ili vere ĝuas sian revenon, eĉ se ĝi estas mallonga. Rememori malfavorajn momentojn el sia vivo en la vilaĝo estas granda plezuro kaj ili sin sentas veraj defiantoj fronte al la vivo. La penadoj travivitaj estas fonto de orgojlo kaj fiereco, kaj ili ne ŝanĝus sian pasintecon kontraŭ io ajn en la mondo. Sendube jen du formoj aŭ konceptoj pri la vivo, du malsamaj filozofioj por analizado de nia konstanta batalo en la vivo kaj pri la vivo mem.

Sed la reveno al la vilaĝo ne signifas nur la rememorojn de pasintaj jaroj. En la vilaĝo restis amikoj kaj parencoj, tre ofte ankaŭ la gepatroj, kiuj iom post iom maljuniĝas. La kontakto kun la amataj parencoj estas io kio plenigas de feliĉo la koron de ĉiu elmigrinto, ĉu kun nostalgio aŭ sen ĝi. La revido de la maljunaj gepatroj estas sendube la plej granda plezuro de la reveno. La familiaj rondoj, analizante la diversajn travivaĵojn okazintajn post la foriro de la filoj, estas ĉeftemo de ĉiu konversacio familia. La gepatroj memorigas al siaj filoj iliajn petolaĵojn, kiam ili estis infanoj. Normale, ĉe la laboristaj familioj la vivo ĉiam estas malfacila, almenaŭ kiam la gefiloj estas infanaĝaj. La gepatroj rememorigas, aŭ rakontas la penojn de ili travivitajn por prizorgi ilian edukadon. Kaj la gefiloj bonege komprenas en tiu momento la situacion en kiu malvolviĝis tiam la vivo en la vilaĝo.

Ankaŭ ne por la elmigrintoj la vivo estis rozkolora, kaj ankaŭ ili rakontas al la maljunaj gepatroj, siaflanke, pri la malfacilaĵoj travivitaj en la grandaj urboj. Ofte, tiuj familiaj hejmaj konversacioj estas kvazaŭ konfesoj de propraj ambaŭflankaj eraroj. Agrablaj feriaj tagoj, sendube!

Aparta ĉapitro estas la temo amikoj. Salutoj kaj resalutoj plimultiĝas kaj tuj venas la momento por konversacii kun tiuj kamaradoj kun kiuj ni

kunludis kiam infanoj, kaj poste kiel adoltoj partoprenis kune amuzojn kaj diboĉojn. Inter amikoj oni rememoras nur la bonajn agrablajn momentojn. Rezignacie ĉiuj akceptas ke tiuj viveroj ne plu ripetiĝos. Bedaŭrinde en la rakonto de tiuj vilaĝaj renkontiĝoj aperas ĉiam la tristaj novaĵoj pro la malapero de iu aŭ pluraj el la amikoj de nia rondeto. Kun la forpaso de la tempo la amikgrupeto malpliiĝas, kaj tiam la komento estas: "ni restas jam malmultaj". Kaj oni devas tuj reagi kaj reveni al la gaja konversacio, al la komentoj pri tiu aŭ alia amiko, kies faroj indas pri kritiko, laŭdoj aŭ bedaŭroj.



**HEF**

**Kontonumero**

N° 14.011.966

de Caja Postal

Kompreneble ne mankas en tiuj vizitoj de la vilaĝo la ĉefstelo kaj motivo unua de la vojaĝo: la prezento de la edzino kaj gefiloj al la propra familio kaj geamikoj. Tio kreas tute favoran etoson por senfinaj ĉiaj komentoj...

Manpremoj, kisoj kaj bondeziroj metas finon al la vizito de nia vilaĝo. Tiu vilaĝo, kiun, neniu el ni povos forgesi!

*Luis Serrano Pérez*

# La 77-a UK en Vieno

De la 25-a de Julio ĝis la 1-a de Aŭgusto, okazis en Vieno la nunjara Universala Kongreso, kun partopreno de iom pli ol tri mil geesperantistoj el 69 landoj. Kiel kongresejon oni elektis la "Austria Center", imponan konstruaĵon situantan ekster la centro de la urbo sed kun bonaj komunikoj per subtera fervojo.

La unua grava programero, kiel ĉiam, estis la solena inaŭguro, en kiu la prezidanto de la Loka Asista Komitato, S-ro Maitzen, prezentis la ĉijaran kongreson, kiel "la plej grandan U.K. post la dua mondmilito en okcidento". Dum la inaŭguro, oni bone spertis la nunan situacion de Eŭropo, ĉar pluraj paroladoj aludis la nunajn okazintaĵojn, kaj pluraj landaj asocioj havis la okazon saluti la kongresanaron unuafoje, ĉu ĉar ilia lando ĵus sendependiĝis, ĉu ĉar antaŭe mankis al ili la eblo alveturi la kongresajn landojn.

Post la enkondukaj vortoj de la Prezidanto de UEA s-ro Wells kaj la legado de salutoj de la aŭstria federacia Prezidento kaj aliaj gravuloj, salutis de sur la podio diversaj personoj, kiel la estro de la Viena UNESKO-Komisiono. Post prezento al la publiko de diplomatoj el diversaj landoj, finiĝis la unua parto de la aranĝo per la saluto de la hispana ambasadoro en Vieno, S-ro Miguel Angel Ochoa, kiu per elokventa parolado arde invitis la kongresanojn al la venontjara UK en Valencio. Sekvis varma aplaŭdo.

Post muzika paŭzo, la esenca parto de la solenaĵo estis la parolado de L. Zaleski-Zamenhof, nepo de la kreinto de Esperanto, kiu regalis nin per pensiga festparolado, vera kanto al la interna ideo de Esperanto. Aŭskultinte la "Preĝon sub la verda standardo", li parolis pri la okazintaĵoj kiuj antaŭ la dua mondmilito kaj eĉ nuntempe konsistigas "obstinajn barojn inter la popoloj dividitaj" kaj li deziris ke la komuna Eŭropa domo, temo de la nuna UK, faciligu la efektiviĝon de la "bela sonĝo de l'homaro".

Kiel sciate, multaj kaj samtempaj estas la okazantaj programeroj dum U.K. kaj oni ne povas ĉeesti ĉion kio interesas nin, tial mi recenzos nur pri miaj spertoj.

Dimanĉe, krom la inaŭguro okazis la ekumena diservo en la Votivpreĝejo kaj bela, sed simpla Aŭstria Vespero.

Interesaj ankaŭ estis la diversaj kunvenoj de Eŭropa Esperanto-Unio, AIS, ILEI, IKUE, Asocio de Juristoj, ktp. same kiel la jam prestiĝaj sesioj de la Internacia Kongresa Universitato, kie mi prelegis pri "Neŭtraleco aŭ implikiĝo" pritraktante la aktualan temon pri la ebla aliĝo de Aŭstrio al la Eŭropa Komunumo.

Sed (kiel ne povis esti aliel), grava estis por ni, hispanoj, la nunjara Kongreso, ĉar la valenciaj samideanoj multe volis sperti kaj eĉ lerni, se tio estus ebla, por nia venontjara evento. Dum la kongresa semajno okazis la prezento de la Valencia UK, kaj jam la jaŭdon, oni instalis specialan budon por ricevi aliĝilojn, kaj ĉefe informi pri la urbo Valencio. Multaj personoj vizitis la budon, kiu ĉiam estis bone zorgata de hispanaj samideanoj, kompreneble, ĉefe el Valencio.

En la belartaj Konkursoj de UEA, samideano de nia najbara lando Portugalio, S-ro Gonçalo Neves estis premiita same en la poezia kiel en la proza branĉo. Aliflanke, amiko Georgo Kamaĉo gajnis tre interesan monpremion de Fondaĵo Grabowski.

Multaj diskutrondoj pri la nunjara kongrestemo okazis, kaj ankaŭ la normalaj kunsidoj de la Komitato de UEA, en kiuj nia lando estis reprezentata de samideano Luis Hernández, kaj nunjare estis reelektita kiel Prezidanto S-ro Wells por kvarjara periodo.

La fino de la Kongreso alvenis kaj denove granda agrablaĵo atendis nin: la kongresa rezolucio, rezulto de la diskutoj de la kongrestemo "kiam falas muroj de miljaroj: komuna eŭropa domo", spegulis la influon de la nuntempaj okazintaĵoj en Eŭropo, kaj substrekis la senkompromisan kondamnon de milito kiel solvilo de interetnaj problemoj, avertis kontraŭ la kresko de rasismaj tendencoj en multaj landoj de Eŭropo kaj atentigis, ke Esperanto jam dum unu jarcento klopodas disvastigi la ideon pri la samvaloreco de ĉiu nacio, atentigante pri la deziro de pli granda solidareco inter la regionoj de Eŭropo kaj la cetera mondo, kaj ankaŭ sama solidara helpo al la viktimoj de la militaj eventoj, klopodante speciale pri la tieaj esperantistoj.

La transdono de la flago al Hispanio estis grava kaj kortuŝa, ĉar tiucele venis de Hispanio S-ro González Lizondo, vicurbestro de Valencio kaj parlamentano, kiu nome de la venontjara UK-urbo ricevis la flagon, kaj Esperantlingve unue kaj poste ankaŭ en la hispana, kore invitis partopreni la venontjaran Kongreson.

Oni povas diri, ke la nunjara UK estis unu el la plej varmaj, almenaŭ pro la varmeco kiu regis dum la tuta kongrestagoj en Vieno, sed la kongresejo ankaŭ estis alloga kaj la Asista Loka Komitato efike laboris. Speciala poŝtstampo, kaj banka servo funkciis en la kongreshalo.

Do, bona kongreso, kaj la esperantistoj atendos unu jaron ĝis Valencio ricevos nin varme kaj entuziasme. Sed intertempe, ni ne forgesu, ke la hispanaj esperantistoj devas esti konsciaj ne nur pri la grava fakto ke la UK okazos en nia lando, sed ankaŭ pri nia propra kaj individua respondeco kaj helpo al la valenciaj samideanoj.

*M. R. Urueña*

# ATENTIGOJ PRI LA VALENCIA UK

Ni atentigas al la esperantistoj kiuj intencas partopreni la venontan Universalan Kongreson, ke baldaŭa aliĝo al tiu Kongreso estas atentinde malpli kosta, sekve tiuj, kiuj deziras ricevi plej favorajn prezojn devos aliĝi antaŭ la 31-a de la ĉijara Decembro. De tiu dato la aliĝkotizo estos pli alta.

Oni scigas ĉiujn aliĝontojn, ke interesas membriĝi samtempe al UEA, ĉar la aliĝkotizo estas pli favora por UEA-membroj. La kondiĉoj estas jenaj:

1) Kotizo al UEA kiel Individua Membro kun jarlibro: . . . . . 1.560 Ptoj

2) Aliĝkotizo por la UK kiel Individua Membro . . . . . . . . . . 11.760 "
Entute . . . . . . . . . . . . . . . . . . . . 13.320 "

3) Aliĝkotizo por la UK kiel ne Individua Membro: . . . . . . . 14.728 "

Do, ne hezitu, kaj aliĝu kiel eble plej baldaŭ! Sendu vian aliĝilon kaj kotizojn al la ĉefdelegito de UEA en Hispanio s-ro Juan Azcuénaga Vierna; General Dávila, 127, portal 7, 2° izq. / 39007-SANTANDER. (Hispanio).

---

**NEKROLOGOJ**

La Aragona Esperanta Societo "Frateco" de Zaragozo funebras pro la forpaso de unu el siaj membroj, María Pilar Bardina, edzino de la Prezidanto de la Asocio Víctor Ortiz Gratal, kies aktivado en HEF dum multaj jaroj estis tre rimarkinda.

La esperantistoj de Zaragozo, samtempe komunikas la doloran novaĵon kaj kondolencas publike sian Prezidanton, kun sama bedaŭro kiel ni jam faris tion private.

Ankaŭ en Zaragozo forpasis D-ro **José E. Olavide García-Inés**, elstara veterana esperantisto, gvidanto de kursoj, kompetenta gramatikisto, kies privilegia menso estis vera sciado-arkivo pri esperantista literaturo kaj primovadaj temoj. Lian perdon ni profunde dolore sentis en "Frateco".



*D-ro Olavide*

Nian kondolencon al la edzino kaj gefiloj.



## Sant Cugat del Vallés

La Esperanta Grupo "Jozefo Anglés" de tiu ĉi kataluna urbo, pardonpetas al ĉiuj legintoj kaj simpatiantoj de nia bulteno "La hela hirundo" ĉar dum preskaŭ unu jaro ni ne aperigis ĝin.

Ni tre bedaŭras tion kaj komunikas al ili per tiu ĉi noto, ke ni faras ĉion eblan por reaperigi la revuon. Ni esperas, ke "La hela hirundo" baldaŭ reflugos kaj iros al vi!

*La Komitato*

## Nico

Esperantistoj de tiu ĉi riviera urbo kolektas nun monon por konstrui Esperanto-Domon. Aĉetintoj de kuponoj (po 100 francaj frankoj) rajtos poste uzi ĉiun aĉetitan kuponon por ununokta loĝado en la Domo. Por informoj: Nice-Esperanto; Les Hortensias 2. 121 bis Boulv. Napoleón III, F-06200 NICE. Francio.

**Ĉu vi konas tiujn ĉi librojn?**

Famaj poeziaj verkoj de prof. Ŝulco Rikardo:

"La Mago", 99 majstraj pantunetoj, 213 pĝ. . . . 19,80 DM.

"La trombonoj de Jeriko", dulingva, 65 pĝ . . . . 12,80 DM.

"Abismo/Abyssos", 24 sonetoj + 24 litografoj, . . 14,80 DM.

Mendu ĉe via Libro-Servo aŭ rekte ĉe la eldonejo "Esperanto-Centro", D-W-4790. PADERBORN. Germanujo.

## Santiago de Compostela

Kiel sciate per niaj cirkuleroj, oni projektas efektivigi Internaciajn Preuniversitatajn Somerkursojn en Esperanto, kies unua sesio okazu en 1993, paralele al la 78-a U.K. de Esperanto okazonta en Valencio (Hispanio). Laŭ la plano, en la kursoj partoprenos internaciaj teksto-aŭtoroj, profesoraro kaj lernantaro.

La efektiva nivelo, kiun la projekto atingos, ja dependos de la grado de kunlaborado fare de profesoroj, fakuloj kaj terminologoj diverslandaj, kiuj

uzas Esperanton, kiel ankaŭ de la instituciaj kaj financaj apogoj, kiujn oni atingos. Post pluraj interrompoj kaj prokrasto en la antaŭviditaj fazoj (oftaj ĉe aranĝoj ankoraŭ ne instituciigitaj), la projekto ŝajne faras siajn unuajn firmajn paŝojn.

**Budapeŝto**

*Internacia Koresponda Lingvokurso*: Se vi havas malmulte da tempo, se vi ne povas viziti lingvokurson, se vi mem volas difini vian rapidecon en la lernado, partoprenu la Internacian Korespondan Lingvokurson de progresantoj.

La partoprenkotizo diferencas laŭ la jara nacia enspezo. Ekzemple por nederlandanoj ĝi kostas 150 guldenojn, por hungaroj 40 guldenojn, por pakistanoj 12 guldenojn, por zambianoj 10 guldenojn, por braziloj 36 guldenojn aŭ egalvalorojn.

Se vi ne povas transpagi, aŭ pagi, tamen vi ŝatus perfektigi vian lingvoscion, skribu al ni kaj ni klopodos trovi solvon por vi.

La kotizo estas pagenda post la ricevo de la unua taskfolio al la konto ĉe UEA aŭ al la Hungara Nacia Banko. Pliaj informoj ĉe: Hungara Esperanto-Asocio; H-1368 Budapeŝto Pf. 193.

**Televida Esperanto-kurso**




De la 9-a de oktobro, la televido-stacio de Sabadell ofertas en sia vespera programo katalun-lingvan kurson de Esperanto. Ĝi estas organizita de la urba KAE-delegacio, kaj, la lecionojn, kiujn gvidas s-ro Salvador Aragay, oni elsendas ĉiuvendrede je la 23-a horo. La morgaŭan tagon, matene kaj posttagmeze, oni ripetas la programon.

La lecionoj kune kun dudirekta vortaro aĉeteblas moderpreze, ĉar la kurson subvencias la loka magistrato.

**For la mizeron! HEF havu tuj komputilon!**






mi deziris vin bela
imagis vin bela
projektis vin bela
konceptis vin bela
koncipis vin bela
konjektis vin bela
supozis vin bela
aŭguris vin bela
prognozis vin bela
anoncis vin bela
reklamis vin bela

vi

vi konstruos vin bela
vi burĝonos
vi konturos
vi sinuos

venos jukoj tikloj svatoj
ido mia ina pimpa
mia plano trudas venkon
super svarmo da galantoj
preter vasto da pudoroj
en regiono de amoro
fea fajna tula punta
kien trafos la inicaj
trinkaj versojn da plezuro
ĝuaj strofojn da volupto
kaj loĝios vi ĉi-borde
por la tajdoj nepraj tiam
da karesoj tuŝoj palpoj
frandzoj ŝaŭmaj kaj replaŭdaj



por unikoj spasmaj snufaj
kaj anheloj de metioj
trombe traktaj
kaj baraktaj

kiam premos vin opcio
pri la vojo de libido
gvidu vin vizio barda
sur la padojn de edeno
vera fakta nur inice

la premio ĉi-elekta
banos vin sature-pure
kaj vin kovros ondoj molaj
satirusoj servos pretos
forlasinte nunajn forstojn
en lulilon de kuniĝoj

*Gonçalo Neves*

---




★ 37-jara instruistino de angla lingvo kaj 7-jara fileto deziras ambaŭ korespondadi pri historio, kulturo, religioj, kino, beletro, ktp. Adreso: Helen Advick, pr. let Pobedy 70-72. GRODNO. Belorus. Bielorusia.

★ Juna pakistano ekzilita, petas solidaran helpon. Skribu al: SHEIKH NADEEM, Boks. 56, Room -A.47. Dorf Strasse 44. 2409 HAFF KRUG (WEST Germany).

**FELIĈAN JARON 1993!**

La Prezidanto kaj Estraro de HEF, same kiel la Redakcio de Boletín, esprimas al ĉiuj plej sincerajn bondezirojn okaze de la nova jaro.

Sukceson en via poresperanta agado,
kaj feliĉan jaron 1993!



Kiel promesite, ni prezentas hodiaŭ al niaj legantoj la duan kaj finan parton de la resumo de la bela prelego de nia portugala samideano Gonçalo NEVES okazinta en la Kongreso de Merido:

# Novaj spuroj en Hispanio

"Nun mi transiru al la tria "musketero" el nia gvardio verka. Ĝenerale la publiko konas lin bone. Sed nur kiel eldoniston. De la fama serio "Sferoj", kiu arigas fantastajn novelojn, originalajn kaj tradukitajn. Temas pri Miguel Gutiérrez Adúriz, el Santandero.

En la 6-a numero de tiu serio, aperas du rakontoj sub la pseŭdonimo Liven Dek. La unuan, titolitan "Laŭra", sekvas kurta sciigo ke ĝi gajnis la unuan premion en la Belartaj Konkursoj de UEA, ĝuste en la jubilea jaro 1987. Vera surprizo tiu aljuĝo, se konsideri ke la fantaston oni kutime rigardas "minora" ĝenro. Plia surprizo postlege. Ĉar temas pri leĝera, senpretenda rakonteto, kiun trafluas hasta intrigo. Tamen...

Nova surprizo post enlego de "Nova Esperanta Krestomatio", eldonita lastjare. Ĉar tie, sur tri modestaj paĝoj, sterniĝas alia fantasta rakonto el la plumo de Liven Dek. Temas pri "La bleko de l' ŝarĝú", jam aperinta en "Literatura Foiro", en la sama obseda jaro 1987. Neforgesinde, la redaktinto de "Nova Esperanta Krestomatio", la konata William Auld, i.a. jene motivas la elekton de la verkoj enmetitaj: (a) "prezenti tekstojn lingve modelajn".



Releginte tiujn tekstojn, oni ne povas ne pravigi nian skotan verkiston. La plumo de Miguel Gutiérrez (aŭ, kaŝnome, Liven Dek) fluas tiel glate, tiel fajne, tiel subtile, ke liajn verkojn oni juste epitetu "lingve modelaj", kaj lian stilon "kristale pura", kiel tiu de Kabe.

Nia stilisto esprimiĝas ankaŭ verse. Liaj poemoj estas miniaturoj, veraj filigranoj de delikataj pensoj kaj sentoj, vortumitaj kompakte, cerbume.

Parenteze mi menciu kaj reliefigu ĉi tie la sizifan laboron de Abel Montagut. Kvankam li estas kataluno, lia literatura agado inkluziveblas en la saman generacion hispanan, kies ĉefajn trajtojn mi ĵuse skizis.

Izole en sia urbeto, nerimarkate, malpompe sed persiste, Abel Montagut decidis, en la jubilea 1987, entrepreni kolosan taskon, kiu ŝajnus neebla nuntempe. Kaj li verkis...epopeon! Kompilante analize kaj kribre multajn

mitojn, legendojn kaj alispecajn tradiciojn, ĉerpitajn el mondliteraturaj trezoroj (precipe: "Poemo de Gilgameŝ", "Biblio", "Ramajano", "Eneado" kaj "Dia Komedio"), kaj kreante tiucele novan metron (la "aleksandridon", adaptitan el la "aleksandro"), Abel Montagut sukcesis elverki gigantan epopeon, la "Poemo-n de Utnoa", pri la biblia mito de Noa kaj la diluvo, tra sciencfikcia prismo.

Ĉi tiu poemego, kiu konsistas el sep kantoj, nombras 7114 versojn! Nu, la plezuro ne ĉiam dependas de l' mezuro. Ne ĉio enorma estas enorda. Tamen la "Poemo de Utnoa" gigantas ne nur stature, sed ankaŭ stile, forme, signife, sonore, enhave, klere. Estas vera honoro por Esperanto ke Abel Montagut, en la prozaĉa mondo hodiaŭa, kuraĝe kaj riske decidis elekti nian lingvon por ĉizi grandiozan epopeon kaj artisme kunfandi diversajn ercojn el antikvaj kulturoj, kiujn li koherigis per modernisma pritrakto.

Eble temas pri la lasta epopeo ĉi-jarcenta, kaj ĝi sonas Esperante. Jen motivo de jubilo!

*Gonçalo Neves*

---




# NE FERMITA LETERO DE KAE AL HEF-RESPONDECULOJ

Kun bedaŭro ni konstatis, ke, ene de la lastnumera "Boletín" de Septembro-Oktobro, troviĝas ok kastilialingve presitaj paĝoj, kies adreso estas tiu de la HEF-Prezidanto. Rilate ilian enhavon, la "Kultura Asocio Esperantista" (KAE), leĝe registrita de la Ĝeneralitato de Katalunujo kiel tutregiona organizacio, jam en la jaro 1985, manifestas sian opinion per jenaj precizigoj:

Koincide kun la redaktoro de "Boletín", s-ro A. Marco Botella, ke la HEF-organo nepre devas esti redaktata nur en Esperanto, la organizacio KAE bedaŭras la ĵusan aperon de kroma kastilialingva varianto de "Boletín", kies titolo estas ekskludе "ornamita" per la de ni daŭre kontestata signo, la tiel nomata "rugbeopilkeca surogato". Ŝajne, tiu nova bulteno, plejgrandparte remaĉanta jam konatajn informojn, negative pligrandigos la ĝisnunajn preskostojn.

Cetere, la "Kultura Asocio Esperantista" same bedaŭras la fakton, ke en tiu kastilialingva informilo oni surprize ne indikas, en la koncerna paĝo

numero 8, sub "Direcciones de interés", la nomon kaj adreson de nia tutregiona organizacio KAE, en Sabadell, dumvive enskribita en la Hispana Esperanto-Federacio, kaj jam kelkajn jarojn propagandanta Esperanton, en kataluna kaj kastilia lingvoj, en kiu lasta ĝi krome funkciigas Esperanto-kurson por gelernantoj en la tuta Hispanujo.

Kontraste kun tio, en tiu menciita paĝo numero 8, oni anoncas samurban asocion, kiu rifuzas aliĝi al HEF, kaj same sensolidarece, rifuzinta la inviton, kiun persone faris al ĝia estraro la nuna HEF-prezidanto, tiucele speciale veninta en la urbon Sabadell, por ke la delegitaro de la menciita Kataluna Asocio ĉeestu, eĉ en la prezida tablo, la Jubilean Hispanan Kongreson de Esperanto, okazintan la jaron 1990, en la kataluna urbo Sant Cugat del Vallés...

En la espero, ke entute vi rekonsideros vian tiurilatan starpunkton, profitas la okazon samideane vin saluti, persone kaj nome de la "Kultura Asocio Esperantista".
Via

*José Mª Galofré, Prezidanto*

---




La ĉefredaktoro de "Boletín" plene konsentas kun la precizigoj indikitaj de la KAE-prezidanto en sia Nefermita Letero. Kompreneble, ke mi ne ripetos miajn argumentojn sur paĝo 3-a de la pasinta numero de "Boletín", sed evidentas, ke krom la cititaj argumentoj, la publikigo de revuo propagandcele en alia lingvo, kiu ne estas Esperanto, en lando kie ekzistas pli ol unu lingvo oficiala, estas ja afero studinda kaj nefacile decidebla. Tamen la decido nekompreneble okazis, malgraŭ la protesto de la Redaktoro. Tiu estas la ĉefa problemo, pri kiu mi ne plu insistos.

Krom tiu *Nefermita Letero* de KAE, kiun ni publikigas, mi ankaŭ ricevis aliajn, kiuj ankaŭ protestas pro similaj motivoj tial mi ne publikigos ilin por eviti ripeton de argumentoj.

Rilate la punkton pri apero aŭ neapero en "Utilaj Adresoj" de esperantistaj asocioj sur la paĝo 8-a, mi diru tuj, ke ne nur estis ekskludita KAE, sed ankaŭ aliaj gravaj esperantistaj societoj, inter ili la Aragona Esperanta Societo "Frateco" de Zaragozo (leĝigita de la ŝtato por aktivadi en la tuta Aragono kaj funkcianta seninterrompe de la jaro 1908). Sed okazis, ke kiam

mi supraĵe legis tiun paĝon sur la originalo, mi konsideris tion ne kiel ekskludo sed kiel simpla "forgeso". Kiel Redaktoro mi tre bone scias, ke ofte kaj nevole povas okazi tio, tial mi korektis la "forgeson".

En tiu ĉi okazo la afero estas iomete pli delikata, ĉar kune kun la neapero de certaj Esperantaj Asocioj, aperas tamen aliaj, kiuj apenaŭ aktivas, aŭ ne apartenas al HEF, aŭ nur ekzistas sur la papero...

Bedaŭrindaj eraroj, ĉu ne? Eble iom pli ol bedaŭrindaj!

*A. M. B.*

---



# La konferenco de Rio kaj la nord-suda dialogo

De la 3-a ĝis la 14-a de junio okazis en Rio de Janejro (Brazilo) tutmonda konferenco pri medio kaj evoluigo, iniciatita de la Unuiĝintaj Nacioj, por aktualigi la gravan principaron alpremitan en Stokholmo la jaro 1.972-a, pensante pri la terura damaĝo de nia planedo.

En la Konferenco, oni formulis ĉarton enhavantan 27 gravajn principojn, agadplanon por la 21-a jarcento, nomatan "Agendo 21-a", kaj du traktatojn, unu pri klimatŝanĝo, por eviti la varmigon de la tero kaj alian pro biodiverseco, por la protektado de la specioj.

La tero estas malsana, sed kia malsaneco? Malsana en sia medio kaj malsana pro misevoluado, kaj ĉifoje ambaŭ kaŭzoj kunligiĝas.

En la Konferenco, oni kaptis la okazon klarigi al la publika opinio la danĝerojn por la planedo kaŭzata de la galopanta koncentrado en la atmosfero de nocaj gasoj, tamen necesaj por la industrio, kiel la CO-2, la metano (CH-4) ktp. Tiuj danĝeraj gasoj varmigas la atmosferon ĝis 6 gradoj por la proksima jarcento, kaj la sekvoj estas tiel gravaj ke ĝi devigos la industriigitajn landojn rekonsideri la produktadmetodojn. Usono faras 37% da karbona gaso, la landoj de Centra kaj Orienta-Eŭropo 31%, Okcidenta-Eŭropo 13% kaj Japanio 7,7%.

Tamen la malevoluo ne estas malpli danĝera. Kun amaso da monŝuldoj, la malriĉaj landoj vendas la nuran riĉfonton kiun ili posedas: la arbaron. 17 milionoj da hektaroj malaperas ĉiujare kaj kun ili grandega suĉo de CO-2, malaperigante 17.500 vegetalajn kaj bestajn speciojn, jare. Per 27 artikoloj, oni agnoskas la kutiman jurprincipon, "kiu poluadas devas pagi", kaj vere la Konvencio pri biodiverseco signifas pli malpli la venkon de la sudaj landoj kiel Hindio, Brazilo, Ĉinio, Indonezio kaj Etiopio, kiuj havas gravajn naturriĉaĵojn. Ili sukcesis ricevi monon el la vendado de produktoj genetike selektitaj aŭ transformitaj, kaj kontroli la vendon kaj transporton de tiuj produktoj. Tamen, ili ne sukcesis ricevi monhelpon por protekti la speciojn. Usono rifuzis subskribi la traktaton, kaj oni povis konstati en la Konferenco la ekziston de tri ŝtataj grupoj:

Unue, la Eŭropa Komunumo, kiu plimulte sin devigis limigi la ellason da nocaj gasoj ĝis la jaro 2.000; Usono, kiu promesis "fari la eblon" kaj centraj kaj orient-eŭropaj landoj, kiuj faros kion ili povos.



Pri la medioj, la subskribintoj de la traktato pri klimatŝanĝo, sin devigis starigi inventaron pri tiuj allasoj laŭ fontoj kaj per klaraj programoj, sed tio nur signifas katalogon pri bona volo kaj nebuligajn esprimojn sen konkretaj normoj kaj sen iu imposto pri poluadenergioj, malgraŭ la propono en tiu senco farita de la E.K.

Alia grava problemo estis la temo pri financado de la "Agendo-21-a" kaj la estontaj agadprogramoj. La U.N. budĝetis proksimume 600 miliardojn da dolaroj jare, inter ili 125 kiel helpon al la malriĉaj landoj. La nuna helpo al la evoluigo estas je 50 miliardoj kaj oni bezonas 70 ankoraŭ, neebla idealo aŭ celo nuntempa, ĉar la industriaj landoj malmulte monkunlaboras.

Fine, Rio signifis nur gravan debaton pri la nunaj problemoj de nia hommedio kaj vekiĝon de la publika opinio kiel ebla premforto estonta. La Ĝenerala Asembleo de la U.N. plu studos tiujn temojn, ĉar kiel asertis s-ro Boutros Ghali, Ĝenerala Sekretario de la Unuiĝintaj Nacioj, "Rio kreis almenaŭ dinamikon, sed la plej grava afero nun estas daŭrigi ĝin".

*M. R. Urueña*

# Ĉu estas tro da periodaĵoj en Iberio?

Antaŭ nelonge mi ricevis informon, ke estis decidite eldoni ekde januaro 1993 unu komunan periodaĵon por la esperantistoj de Novzelando kaj Aŭstralio, kiu anstataŭos la ĝis nun aperantajn *Nov-Zelanda Esperantisto* kaj *The Australian Esperantist*. La nova revuo eble portos la titolo *Esperanto sub la Suda Kruco*.

Lastatempe novaĵo atingis min el Hispanio, kiu pensigis min, ke eble estos bezonata solvo simila al tiu, kiun trovis la antipodaj verdstelanoj, por plibonigi nekontentigan situacion de la Esperanta gazetaro en Hispanio kaj Portugalio. Nuntempe Antonio Marco Botella tre kompetente ĉefredaktas ne unu sed du bonkvalitajn revuojn: *Boletín* de la Federación Española de Esperanto kaj *Kajeroj el la Sudo*, Bulteno de Hispana Asocio de Laboristoj Esperantistaj (HALE). Li sciigis min, ke estontece li eble ne plu povos plenumi tiun duoblan redakcian taskon. Kiu, do, pluportos la torĉon?

Ekzameninte la periodaĵojn, kiujn mi ricevas regule el Hispanio kaj Portugalio, venis en mian kapon, ke ankaŭ la esperantistoj de la Iberia duoninsulo povos profiti de la ekzemplo de la novzelandaj kaj aŭstraliaj samideanoj. Je dumonata eldonofteco aperas *Boletín* (30 pĝ.), *Kajeroj* (24 pĝ.), *Kataluna Esperantisto* (12 pĝ.), kaj la portugala *Nia Bulteno* (28 pĝ.); eliras kvaronjare *KAE-Informilo* (12 pĝ.). Bedaŭrinde, la bone redaktita *Nia Bulteno* de tempo al tempo ne sukcesas elteni sian aperritmon, do povas manki numeroj en jarkolektoj.

Komparo de la tipografia aspekto de la kvin periodaĵoj montras tre grandajn diferencojn en kvalito, kaj neniu el ili atingas la nivelon de enlandaj periodaĵoj publikigitaj en la respektivaj naciaj lingvoj.

Ofte oni argumentas, ke estas superfluaj revuoj, gazetoj, bultenoj kaj novaĵleteroj *ĉie* en Esperantujo nuntempe. Kio estas bezonata, oni senĉese marteladas, estas ne *pli* da periodaĵoj. Tamen, malofte venas konkretaj kaj praktikaj proponoj por atingi tiun celon. Kiel mi jam aludis ĉi-supre, mia propono estas, ke okazu kunfandiĝo de apartaj revuoj kaj gazetoj en regiono, kie la kulturoj kaj lingvoj de la loĝantaro estas pli-malpli homogenaj.

Ne estas haveblaj al mi statistikoj pri la abonantoj de la kvin periodaĵoj menciitaj ĉi-supre, do ne eblas kalkuli ilian totalan legantaron. Laŭ la *Jarlibro* (1992) de Universala Esperanto-Asocio, membroj de Hispana

Esperanto-Federacio kaj Portugala Esperanto-Asocio, nombras 800 kaj 160 respektive. Al tiuj ciferoj necesas aldoni la anojn de la laborista asocio HALE kaj ankaŭ la tre malfacile kalkuleblajn esperantistojn ekster la organizita parto de la komunumo. Se ni supozas, ke sur la Iberia duoninsulo troviĝas inter 1000 kaj 1500, tiam ni povas havi grandan potencialan abonantaron por tutiberia revuo, havanta ne dekduon aŭ tridekon da paĝoj sed eble kvindekon aŭ pli, kiu, cetere, povos aperi ĉiumonate en bela tipografia formato. Ĉiuj nunaj aperthavaj redaktoroj preparos informojn pri sia landa movado same kiel kutime, sed en tia ampleksa revuo ili havos eblon redakti ankaŭ plurajn specialajn rubrikojn. Krome, estos loko por detale pritrakti lingvajn problemojn, aperigi beletraĵojn, kaj evoluigi la lingvon de tute novaj fakoj. Tiu ĉi sistemo de tutregiona kunlaborado eble solvos ankaŭ financajn problemojn, kiujn pluraj redakcioj daŭre alfrontas. Oni povas elekti urbon, kie la revuo estos kompostita kaj presita je la plej malalta kosto.

Espereble la ĉi-supra pritrakto de la demando pri tro da periodaĵoj en Iberio stimulos legantojn al pensado kaj diskutado pri la temo, kaj eble la unua numero de *Iberia Stelo* aperos antaŭ la fino de tiu ĉi jarcento.



*Bernard GOLDEN*

# Laŭroj kaj flaŭroj

En la Festo de la 32aj Internaciaj Floraj Ludoj, okazinta en Terrassa, Katalunujo, la pasintan 25an de oktobro, la granade madrida aŭtoro Miguel Fernández Martín abunde rikoltis laŭrojn kaj flaŭrojn. Onidire partoprenis la konkurson meze poke da verkistoj, kaj neniu el ili povintus konkurenci kun Miguel Fernández, kiu akaparis tri honorajn menciojn, kvar unuajn premiojn kaj la solan unuan premiegon ("Natura Floro"). Jen la listo de *floroj* aljuĝitaj: premioj "Natura Floro" kaj "Violo" al *Jen nia packolombo*; honora mencio "Violo" al *Alvoko en tiom minora*; premio "Rozo" al *Dua Amo*; honora mencio "Rozo" al *Puncas maten', feniksis am'*; premio "Eglanterio" al *La lasta valso*; honora mencio "Eglanterio" al *Naskiĝoj*; kaj premio "Amarilido" al *Zampo kaj Selna*.

Nur unu premion ne ricevis la madride granada poeto: la honoran mencion "Edelvejso", kiun oni aljuĝis al *Soc un bon esperantista*, katalunigo de la fama ŝerca poemo de Baghy far Pedro Martín Burutxaga. Ke la ĉeestantaj nemovadaj oficialuloj ridis aŭdante la tradukon montras klare aplaŭdinda la decidon premii ĝin.

Antaŭ ol sin turni al la premiitaj verkoj, necesas diri kelkajn vortojn pri la Floraj Ludoj mem. Ŝokis min dum la Festo la ekstersezonaj paroloj de Joan Ramon Guiñón kaj Llibert Puig pri la laŭdinda afineco de la Floraj Ludoj kun la t.n. raŭmismo kaj pri la ekstrema graveco de tia evento por la esperantistaro kiel diaspora popolo. Unue, al ĉi tiu lasta aserto, ofte pretendata kaj apenaŭ argumentebla, nepras respondi, ke nur la esperantaj kulturemuloj konsistigas grupon apartan aŭ aparte konsiderindan. Tio tamen ne aplikeblas al la tuta esperantistaro. Eĉ pri la baza maniero koncepti la rolon de esperanto multaj esperantistoj ne samideas, ekzemple, kun mi. Konkrete, la adeptojn de la sloganoj *Esperanto, dua lingvo por ĉiuj* aŭ *Al unu homaro, unu lingvon* mi senhezite rigardas miaj malsamideanoj. Kaj certe ne sufiĉas mia esperantisteco por fari min diasporano.



Due, ne havas sencon, ke la Internaciaj Floraj Ludoj prezentas sin plu kiel avangardaj, dum temas fakte pri rugintaj petaloj el am-floraj kaj jam foraj epokoj okcitanaj. Dominas mezepoka karaktero, loĝia kaj framasona, puca je volutoj perdintaj sian koloron, sian elanon: premio "Amarilido", Konservantaro de la ILF, Florludaj Majstroj... Feliĉe, ke ĉi-jare oni almenaŭ ne elektis florludan reĝinon!

Tiu tuta babilo impresis min do kiel la velkaj retorikaĵoj de Felipe González kaj Alfonso Guerra (aŭ, pli ĝuste, de iliaj epigonoj) pri progreso, socialismo kaj egaleco. Resume, per la aljuĝo de la ok premioj al Miguel Fernández, premiiĝas ne tiom la poeto, kiom la Floraj Ludoj mem.

Mi ankoraŭ ne komprenas, kial *Jen nia packolombo* ricevis la krompremion "Natura Floro". Ĝin pli meritas lia plej sukcesa verko, la rakonto *Zampo kaj Selna*, kiun mi traktos poste. Eblas eĉ diri, ke *Jen nia packolombo* estas la malplej originala, malplej freŝa kaj do malplej bona el ĉiuj ses poemoj. Tamen ankaŭ inter ĝiaj iom trivitaj bildoj kaj esprimoj troveblas lerte vortumitaj akuzoj, kiel

*Prisemis vi per flagoj niajn brustojn*

tre aktuala en tempo, kiam iuj volas, ke oni nepre elektu inter grandserbismoj kaj grandkroatismoj.

Pli bonas *Alvoko en tiom minora* (pri la *ua* rolo de la esperantaj verkistoj) kaj *Dua Amo*. En tiu ĉi tre rimarkeblas influo (eble ne nur forma) de Gonçalo Neves (mi aŭdis aserton de István Ertl, *ke la ibera grupo jam komencis skoliĝi*). En ambaŭ poemoj, kiel en la ceteraj, Miguel Fernández poetas plej kontentige, kiam li sekvas sian devizon el *Alvoko*...:

*Siropon for!*

La aliajn kvar poemojn mi trovas tre, tre bonaj. Dum la Festo, okaze de deklamado de kelkaj el ili, mi ekkonsciis, ke pli facilas legi ilin, ol ilin aŭdi kaj aŭskulti. Jes, mi konstatis, ke por nesperta orelo multaj versoj estas lingve iom tro komplikaj, tro barokaj, iom fremdaj (tamen ne ekstreme). Jen ekzemplo el *Dua Amo*:

*La mondo estis nur ikora koro,*
*kie ĝaine mi dum mil jarmiloj*
*haŭlis la ombron miaombran.*

*Ikora, ĝaine, haŭlis*. Orelo povas nek relegi aŭ retrolegi verson nek konsulti pivojn. Sed ankaŭ orelon oni povas, devas trejni kaj eduki, kiel okulon por pentrarto. Eble post cent jaroj oni legos la verkojn de la *iberaj aŭtoroj*, kiel nun oni legas verkojn de Kevedo, Gongoro, Graciano (temas ne pri samvaloriga komparo!), t.e. kun iom da peno, kelke da notoj kaj glosoj kaj, espereble, multe da ĝuo kaj plezuro. Probable ankaŭ nia komuna esperanto bezonas siajn gracianojn, kevedojn kaj gongorojn, kaj, kial ne?, ŝajnas ke ĝuste ĉi tie, en Iberujo, ĝuste ĉi-jardeke manpleno da homoj emas kaj pretas esplori virgajn regionojn de nia lingvo. Bele, se daŭre kaj verve fluos plu ĉi niaj *verko-tafoj*[1]...

Mi plej ŝatis la rakonton *Zampo kaj Selna*, kiu ofte legeblas kiel aŭtenta poezia prozo. Bonega kaj belega! Kaj antologiinda. Senteblas jen kaj jen evidenta influo de la romanisto kaj novelisto Karolo Piĉ: poezieco ĉie. Kaj drameco (sed ne *mielo*drame aŭ larmomelke) peteganta, ke el tiu ĉi rakonto iu faru kurtan filmon kaj disvendu ĝin vidbende. Miguel Fernández definitive pruvas sin ankaŭ talenta prozverkisto, kies stilo svingas sin antaŭen kaj pli alten, kuraĝe kaj malmute, lojale malfidele... *ibere ribele*.

*Georgo Kamaĉo*

# RECENZOJ




Titolo: Monosilaboj
Aŭtoro: Diderto Freto
Recenzas Georgo Kamaĉo

Sonetojn de Diderto Freto neniu petis. Tamen jen la Tria Plilongigita Eldono de *Monosilaboj*, kolekto enhavanta, laŭ la prezentaj vortoj de l'aŭtoro, 1098 sonetojn el unusilabaj versoj sen verboj, sen adjektivoj, sen pluraloj kaj preskaŭ sen akuzativoj kaj afiksoj. Diderto Freto asertas ankaŭ, ke lia kolekto estas unua kaj unika en la monda literaturo el ĉiuj tempoj kaj lingvoj.

Nu, mi ne mirus, se ĝi restus ankaŭ la lasta tiaspecaĵo. Unue, ĉar sufiĉas dek unusilabaj sonetoj por montri, ke eblas unusilabumi esperante, anstataŭ la teda pli-ol-milo de Freto. Due, ĉar neniu el tiuj 1098 sonĉenoj estas soneto. Oni legu ekzemple la 39an, "Ni du" (dekstre videblas ĝia rimoskemo):

| | |
|---|---|
| Ni | a |
| du, | b |
| en | c |
| ĝu', | b |
| en | c |
| ĝoj', | d |
| ĉe l' | e |
| voj' | d |
| de l' | e |
| viv': | f |
| ho, | g |
| mi | a |
| kaj | h |
| vi! | a |

Por ĝi pli bone taŭgus, ekzemple, jena diversigo:

| | |
|---|---|
| Ni du, | a |
| en ĝu', | a |
| en ĝoj', | b |
| ĉe l'voj' | b |
| de l'viv': | c |
| ho, mi | d |
| kaj vi! | d |

Kio, krome, montras la mankon de poezia talento ĉe Freto. Per siaj balbutaj sonetoj, abundaj je pronomaj adasismoj kaj apostrofe katastrofaj rimo-krimoj, li vane provas maski sian nekapablon verki ion alian ol kakofoniajn logatomojn.

Cetere, la iniciatinto de unusilabaj sonetoj en Esperanto estis la brazilano Sylla Chaves. Oni komparu la antaŭan eron de Freto kun la sekva el "Animo prisma", poemaro de Chaves aperinta en 1959:

| | |
|---|---|
| Nun, | a |
| maj' | b |
| kaj | b |
| sun'. | a |
| | |
| Kun | a |
| gaj' | b |
| kaj | b |
| jun', | a |
| | |
| ĉi | c |
| ni | c |
| du. | d |
| | |
| Do, | e |
| ho | e |
| ĝu'. | d |

En unu verso de Chaves estas pli da poezio, ol en 422 paĝoj de Diderto Freto. Amantoj de koncizo prefere turnu sin al la *unuversaj universoj* de G.E. Maura aŭ al la japaneskoj de multaj el niaj poetoj.

Mi finu per propra provo (abba abba ccd ede) resumanta miajn impresojn pri tiu ĉi libro:

Plumb' zink' sink' plump'
stumbl' string' stink' stump'...
Ve!, ne pur', sed nur ted'.

*Georgo Kamaĉo*

---

# Survoje al jarlibreto

Nova jarlibro... sed sen mapoj. Jen la amara donaco de UEA ne nur por 1992, sed ankaŭ por sekvaj jaroj, laŭ informo ricevita telefone el la Centra Oficejo en Roterdamo.

La kialo: per forigo de la mapoj oni ŝparas multe da paĝoj kaj do multe da mono.

La preteksto: esperantistoj jam havas en siaj hejmoj mapojn multe pli bonajn.

Unue estus bone scii, pri kiuj esperantistoj temas. Due mi certas, ke en vojaĝoj ne estas praktike kunporti atlasojn aŭ geografiajn enciklopediojn, kiom ajn bonaj ili estus. Trie, mankas en Esperantujo aktuala iom kompleta atlaseto (la Praktika Poŝkalendaro de Monato montras nur ĉefurbojn).

La Jarlibro de UEA estas kaj devas plu esti servo de la asocio. Esploro pri komputila programo por mapoj kaj mapetoj ebligus pli facilan aperigon de ili en sekvaj eldonoj. Se la mapoj aperus kune en la fino, eblus eldoni ilin kiel apartan depresaĵon (ekzemple kun la titolo Atlaseto de UEA). Tia iniciato tre utilus ĝuste nun, kiam landoj ofte ŝanĝas aŭ limojn aŭ nomojn, kiel ĵus faris (kaj retrofaris) Zairo.

Se tamen UEA preferas ŝpari, mi proponas forigon de la listo de Universalaj Kongresoj, de la Indekso de Fakdelegitoj, de la rubriko Telefonado aŭ eĉ de la kovrilo.

Kaj sekvajare ni ricevus... nur jarlibreton.

***Georgo Kamaĉo***

ALIĜILO

# VALENCIO

**78-a**

**78-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO**
**24-31 julio 1993**
**Valencio, Hispanio**

**Konstanta adreso:** 78-a UK de Esperanto
Nieuwe Binnenweg 176
3015 BJ Rotterdam, Nederlando
Poŝtĝira konto: 62 73 37 (Centralo Den Haag)
Bankkonto: ABN-Amro Bank, Rotterdam 42.69.01.444
**Adreso de LKK:** 78-a UK de Esperanto
G. V. Fernando el Católico 45ª, E-46008 Valencia

*Kongresa numero:*

---

*ĈIU ALIĜANTO UZU APARTAN ALIĜILON, FOTOKOPION AŬ SAMFORMATAN PAPERON – BONVOLU TAJPI AŬ SKRIBI PRESLITERE. LAŬBEZONE METU KRUCON EN LA KONCERNAJN KVADRATETOJN.*

**FAMILIA NOMO** ........................................................................................ **VIRO/VIRINO**
*(por alfabeta ordigo)* *(forstreku unu)*

**PERSONA NOMO** .............................................................. **UEA-KODO** ☐☐☐☐-☐

**ADRESO** *(nacilingve en latinaj literoj kun poŝtkodo)* ..........................................................................
..........................................................................................................................................

**LANDO** ........................................................ **TEL. N-RO** *(kun prefikso)* ..............................

**PROFESIO / FAKO** ......................................................................................................

**ŜATOKUPO** ............................................... **NASKIĜDATO** ............................................

Mi aliĝas al la Kongreso laŭ la kondiĉoj presitaj sur la dorsa flanko;

- ☐ mi sendas ĉi tiun aliĝilon al mia landa peranto kaj samtempe pagas al tiu.
- ☐ mi sendas ĉi tiun aliĝilon al la CO en Roterdamo kaj pagas laŭ suba specifo:
  - ☐ al ABN-Amro-konto n-ro 42.69.01.444 en la nomo de la UK (aldonante 20 gld.).
  - ☐ al ĝiro-konto n-ro 627337 en la nomo de la UK (aldonante 11 gld.).
  - ☐ per eŭroĉeko/poŝtmandato al la adreso de la UK en Roterdamo.
  - ☐ per ĉeko favore al UK de Esperanto (aldonante 25 gld.).
  - ☐ al la poŝtĉekkonto de UEA en* ....................................................
  - ☐ el mia UEA-konto, kie estas sufiĉa kredito (bonvolu debeti tien).

* Eblas pagi al kiu ajn alilanda konto de UEA (vidu en la Jarlibro kaj en la revuo *Esperanto*).

**Mi legis, komprenas kaj akceptas la kondiĉojn sur ĉi tiu aliĝilo.**

**DATO** ........................................................ **SUBSKRIBO** ..............................................

| Por uzo de la administracio / peranto: | | |
|---|---|---|
| *uea-membro en kategorio/jaro* ........................ | KOTIZO (vidu dorse) | .................... |
| *konfirmo de peranto:* ........................ | ADOPTA KASO | .................... |
| *konfirmo de CO:* ........................ | BLINDULA KASO | .................... |
| *PAGO EN CO* / *KONFIRMO* | TRIAMONDA KASO | .................... |
| | LITERATURA KASO | .................... |
| | DONACO (ĝenerala kaso) | .................... |
| *notoj* | ADOPTAJ GEPATROJ | .................... |
| | KOSTOJ (11/20/25 gld.) | .................... |
| | ENTUTE (en guldenoj) | ________ |

Se vi aliĝas kiel kunulo, bv. ĉi tie indiki la nomon/kodon de la ĉefaliĝinto: ..............................
Se vi aliĝas kiel handikapulo, ĉu UEA jam havas atestilon? jes / mi kunsendas *(forstreku unu)*
Se vi aliĝas senpage, bv. skribi ĉi tie la kialon (vidu dorse): ..............................

**La kotizoj varias depende de la loĝlando de la aliĝanto, laŭ la jena grupigo:**

A: Ĉiuj landoj escepte de tiuj menciitaj ĉi-sekve sub B;

B: Albanio, Bulgario, Ĉeĥoslovakio, Hungario, antaŭa Jugoslavio, Rumanio, Pollando, antaŭa Sovetunio; ĉiuj landoj de Azio (escepte de Israelo, Japanio kaj Korea Resp.), Afriko kaj Latina Ameriko.

La kotizoj estas pagendaj al la konstanta adreso aŭ al landa peranto (vidu liston en la Unua Bulteno). La CO en Roterdamo akceptas aliĝilojn ĝis la 15-a de junio 1993.

POR ELEKTI LA ĜUSTAN KOTIZON BV. ATENTE RELEGI LA ĈI-SUPRAJN KLARIGOJN.

| **KONGRESKOTIZOJ VALIDAJ:** (ĉiuj en nederlandaj guldenoj) | **ĝis 92 12 31** 1-a periodo | | **ĝis 93 03 31** 2-a periodo | | **ekde 93 04 01** 3-a periodo | |
|---|---|---|---|---|---|---|
| | A | B | A | B | A | B |
| 1. ne individua membro de UEA | 263 | 197 | 330 | 246 | 393 | 295 |
| 2. individua membro de UEA (ne inkluzivas MG): | 210 | 158 | 263 | 197 | 316 | 236 |
| 3. kunulo / junulo / handikapulo, ne individua membro de UEA: | 158 | 118 | 197 | 148 | 236 | 178 |
| 4. kunulo / junulo / handikapulo, mem individua membro de UEA | 105 | 79 | 131 | 98 | 157 | 117 |

**DIFINOJ**

**Individua membro de UEA:** Dumviva Membro (DM), Membro kun Jarlibro (MJ aŭ MJ-T), Membro-Abonanto (MA aŭ MA-T) en la jaro en kiu oni pagas la kongreskotizon. *Ne temas pri Aligitaj Membroj kaj ne inkluzivas Membrojn kun Gvidlibro (MG).*

**Kunulo:** Tiu, kiu loĝas samadrese kun la ĉefaliĝinto. Ĉefaliĝinto oni konsideras personon kiu pagas kotizon en kategorio 1 aŭ 2.

**Junulo:** Tiu, kiu naskiĝis inter 63 01 01 kaj 72 12 31 (inkluzive). Oni nepre notu la naskiĝdaton sur la aliĝilo.

**Handikapulo:** Tiu, kies handikapo postulas akompananton, kaj kiu pruvis tion per kuracista aŭ simila atestilo.

**Senpage aliĝas:**
- infanoj kaj gejunuloj naskiĝintaj post 73 01 01;
- nemalhaveblaj akompanantoj de handikapuloj.

**La kotizo ne estas repagebla,** senkonsidere ĉu la aliĝinto ne povas partopreni la Kongreson pro propra volo aŭ pro iu ajn ekstera kaŭzo, eĉ se la Kongreso ne okazas, aŭ okazas en alia urbo.

**La kotizo ne inkluzivas** loĝadon, ekskursojn, bankedon kaj eventuale aliajn aparte pagendajn aferojn pri kiuj informoj kaj mendiloj aperas en la Dua Bulteno. La kotizo inkluzivas nenian asekuron.

**Kongresaneco ne estas transdonebla** al alia persono.

**Karavanaj aliĝoj:** Grupo de minimume 25 personoj rajtas aliĝi kontraŭ 90% de la kotizo en kat. 1 de la koncerna aliĝperiodo, eĉ se ili ne estas individuaj membroj de UEA. Karavana aliĝo eblas nur por landogrupo A. Petu plian informon ĉe la Konstanta Adreso.

**Por la limdatoj kaj aliaj kondiĉoj validas la dato de ricevo de la pago en la CO.**
**Aliĝilon sen kompleta pago oni ne traktos.**

**Kongresa Regularo** (ekstrakto): "*7. Kongresanoj devas fari nenion, kio kontraŭas la Kongresan Regularon, aŭ malutilas al la UK, kaj devas submetiĝi al la leĝoj de la lando, kie okazas la UK.*" Kiu subskribas ĉi tiun aliĝilon, konfirmas sian respekton por la Kongresa Regularo kaj la laŭstatuta neŭtraleco de UEA, kiu organizas kaj aŭspicias la Universalajn Kongresojn.

**Se vi pagas al peranto, bonvolu sendi ankaŭ la aliĝilon al tiu.**
**Se vi pagas rekte al konto de UEA, sendu la aliĝilon al Roterdamo.**

